# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 1.80

TIO NE ESTAS LA PREZO SED LA NUMERO DE LA INFORMILO

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, HH 26, apud U-3-stacio "Burgstr."
Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
HES-sekretario: Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40

NIA PROGRAMO: (komenco: 19-a horo)

januaro 1980:

17-a: Harald Schicke prezentos al ni "BEMI" - Biciklista Esperanta Movado Internacia. Legu koncizan raporton sur paĝo 2!

22-a: (mardo). La junuloj priparolos la BEMI-kongreson en Hamburgo antaŭ la mondkongresoj en Skandinavio.

24-a: Hans Schütt montros al ni lumbildojn pri la historio de la Esperanto-kastelo kaj kulturdomo "Grésillon" en la franca Loire-valo.

31-a: Ni kune analizos la unuan numeron de la monata magazino "MONATO". Por povi kundiskuti - abonu ĝin ĝirante 48,50 markojn al la poŝtĉekkonto "Köln 2781 16-507" je nomo "TK Stafeto p.v.b.a., Heideweg 20, B-2120 Schoten" kun indiko "abono MONATO".

februaro 1980:

7-a: Louis-Ferdinand von Wunsch-Rolshoven ("Lu") klarigos al ni "Kiel moderna matematiko plivastigas la pensokapablon".

12-a (mardo): La junuloj priparolos la preparadon de refondo de junulara klubo en Hamburgo.

14-a: Anneliese Bepperling montros al ni lumbildojn pri la pentraĵoj de M. Liebermann.

NIA PROGRAMO (daŭrigo - februaro 1980):

21-a: La klubejo estos malfermita sen programo.
23-a: (sabato) Venu al nia kostumfesto. Sed ĝustatempe formetu la maskojn por la
28-a: J A R Ĉ E F K U N V E N O 1980. Vidu la suban inviton!

marto 1980:
6-a: Peter Weide progresigos nian lingvan nivelon per 2-a paŝo al plena posedo.
13-a: Post prelego de Gerald Roemer "Kiom da kilometroj al la Tria Mondo?" ni diskutos la problemojn de la Tria Mondo.

---

# BEMI

Biciklista Esperanta
Movado Internacia

En siaj unuaj sekundoj de ekzisto tiu movado estis nur spontanea ideo, sed tri horojn poste la membrolisto jam ampleksis 50 nomojn. Sekve estis aranĝita fondkunveno, en kiu BEMI ricevis statuton kaj estraron.
Plej forta loka grupo estas Hamburgo kun pli ol 15 membroj. Estas planite inviti la junajn biciklistojn en julio 1980 al komuna renkontiĝo en Hamburg kun posta komuna vojaĝo al la Internacia Junulara Kongreso en Rauma/Finnlando. Krom la parto Travemünde-Helsinki ni biciklos la tutan vojon. Certe sekvos informoj!

---

KEGLADO: en Lübscher Baum, Lübecker Str. 133, HH 74; je la 20-a horo, je tiuj datoj: 8.2.;7.3.

---

# INVITO

Laŭ § 11 de la statuto de HES la estraro invitas vin al la jarĉefkunveno en nia klubejo en Klaus-Groth-Str. 95, HH 26, la 28-an de februaro. En la tagordo estas raportoj, senŝarĝigo de la estraro, diskuto kaj decido pri proponoj, kiujn membroj skribe donis ĝis la 14-a de februaro al la prezidanto Elsbeth Wielgus, Elise-Averdieck-Str. 34, 2000 Hamburg 26, tel. 25 29 36.
Pli malfrue alvenintajn proponojn la kunveno ne devas pritrakti.

La estraro

# JUNULARA INFORMILO

Post kiam ĉiu-marde restas pli kaj pli da kursanoj en la klubo, reorganiziĝas la junulara klubo. Oni jam enprogramigis du junularinteresajn erojn, el kiu la februara estas sufiĉe grava, ĉar tiam oni priparolos la preparadon de fondo de junulara sekcio de Hamburga Esperanto-Societo, kiu estu samtempe "landa ligo" de Germana Esperanto-Junularo.
Do, junuloj nepre venu la 12-an de februaro, je la 20.30 horo!

Nachdem jeden Dienstag mehr und mehr Kursteilnehmer im Klub bleiben, organisiert sich der Jugendklub wieder. Man hat schon zwei Veranstaltungen ins Programm gesetzt, die die Jugend/interessieren. Die im Februar ist recht wichtig: Man wird die Vorbereitungen zur Gründung einer Jugendsektion des Esperanto-Vereins Hamburg besprechen, die gleichzeitig Landesverband der Deutschen Esperanto-Jugend sein soll.
Also, Jugendliche kommt unbedingt am 12. Februar um 20.30 Uhr!

## NEUE BEITRAGSSÄTZE

Auf der Jahreshauptversammlung der Deutschen Esperanto-Jugend wurde eine Erhöhung des Beitrags von 18 auf 24 DM beschlossen. Der Beitrag war seit 1974 konstant geblieben - in diesem Zeitraum wurden allerdings die Leistungen an die Mitglieder sehr ausgedehnt, man denke z.B. an die größere Anzahl von Treffen, an die nun 24-seitige "GEJ-gazeto" usw. Der Beitrag für junge Jugendliche bleibt konstant bei 10 DM. Hier im Überblick die Beiträge: (zu zahlen in 1980 für Jugendliche)

bis 16 Jahre (Jahrgang '63-'79): 10 DM (dafür: Subventionen, 6 x GEJ-gazeto und koncize, 3 x Jugendzeitung "Juna amiko")

bis 25 Jahre (ohne eigenes Einkommen): 24 DM (dafür: Subventionen, 6 x GEJ-gazeto und koncize, 11 x "revuo Esperanto")

Wer über den Esperanto-Verein Hamburg Mitglied wird, zahlt 8 DM dazu, erhält dann 6 x das "Informilo und das Recht, an den Kursen teilzunehmen. Die Summe überweist man auf das Postscheckkonto Hmb 173 22-207 "Esperanto-Verein Hamburg", "Beitrag 1980".

1-a Internacia Festivalo por mezaĝuloj **IF**

Paralele al la 23-a Internacia Seminario de Germana Esperanto-Junularo ĉi-jare okazis la "1-a Festivalo por mezaĝuloj", al kiu estis invititaj esperantistoj inter 26 kaj 50 jarojn aĝaj, kaj krome junaj familioj kun infanoj.
La renkontiĝo estis grandega sukceso. Entute venis 150 personoj al la nordbavara kastelo "Schwanberg", kie oni pridiskutis la temon "Tria Mondo" aŭ iel amuziĝis.
Montriĝis, ke eblas, ke homoj inter 1 kaj 54 jarojn aĝaj povas tre harmonie kune pasigi unu semajnon. En la kritika enketilo nur 10 % opiniis la kunligon malavantaĝa, kaj 0 % diris, ke ili venontjare ne venos al la Internacia Seminario/Internacia Festivalo.
Se ankaŭ vi volas ĉeesti tiun venontan "IS/IF", atente legu la venontajn numerojn de "Informilo".
...unu detalon oni jam scias: La 24-a IS/2-aIF okazos de la 28-a de decembro 1980 ĝis la 4-a de januaro 1981.

# BERLIN

La 58-a Germana Esperanto-Kongreso okazos en Berlin dum pentekosto 1980, de la 24-a ĝis 26-a de majo. Kiel kongresejo servos la "Kolping-domo", en kiu fruaj aliĝantoj povas rezervi por si malmultekostan hotelĉambron (25 DM). Junuloj povos eĉ dormi senkoste en gimnastikejo proksime al Kurfürstendamm, la centro de okcidenta Berlino.
Kun la venonta eldono de la "bulteno Esperanto en FR Germanio" vi ricevos verdkoloran 4-paĝan aliĝilon kaj informilon. Vi ankaŭ povas ricevi ĝin de la redakcio de tiu ĉi Informilo.

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 2.80

**HES-klubejo:** Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
**Informilo-redaktado:** Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
**HES-sekretario:** Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
**Konto de HES:** 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

---

NIA PROGRAMO: (komenco: 19-a horo)

februaro 1980:
21-a: Okaze de la "Internacia Semajno de Amikeco" ni skribos bildkartojn al niaj geamikoj.
23-a: (sabato) Kostumfesto.
28-a: J a r ĉ e f k u n v e n o (vidu poste)

marto 1980:
6-a: Peter Weide progresigos nian lingvan nivelon per dua paŝo al plena posedo.
13-a: Post prelego de Gerald Roemer "Kiom da kilometroj al la Tria Mondo?" ni diskutos la problemojn de la Tria Mondo.
20-a: Ni informiĝos pri senco kaj celo de Ludwig-Zamenhof-Gesellschaft (LZG).
27-a: Ges-roj Sudec montros lumbildojn pri Italio.

aprilo 1980:
3-a: Sub gvido de Luisa Hoffmann ni pritraktos la temon "Ĉu lokaj grupoj havas estontecon?".
10-a: Edgar Müller-Wend prezentos al ni fabelojn de H.C. Andersen.
17-a: Ni diskutos aktualajn problemojn surbaze de artikoloj el revuo "MONATO".
24-a: Robert Haddon el Anglio prelegos pri "Tiu stranga lingvo - la germana".

majo 1980:
1-a: sen kunveno pro festotago.
8-a: Luisa Hoffmann prezentos al ni jogon.
15-a: Ni havos denove "Ĉe-Ellen-ir-tagon" dum tiu "Ĉiel-ir-festotago". Detalojn eksciu el la venonta informilo.

---

24-a ĝis 26-a de majo: Vojaĝu al la germana Esperanto-kongreso en Berlin! Partoprenu interesan kongreson kun interesaj homoj en interesa urbo!



# KEGLADO

okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo:
Lübscher Baum
Lübecker Str. 133
2000 Hamburg 76
je la 20-a horo

La venontaj datoj estas:
**29.2., 28.3., 25.4.,**
23.5., 20.6., 18.7., 15.8., 12.9., 10.10., 7.11., 5.12.
La informo en informilo 1.80, ke la 7.3. okazos keglado, ne ĝustas.



---

KLUBEJAJ NOVAĴOJ

- Vi povos ĉiun unuan ĵaŭdon en la monato aĉeti eldonaĵojn de Sarlanda Esperanto-Ligo, kiujn vendas Lu en la klubejo.
- Sporade renkontiĝas en la klubejo dum merkredo grupo da aktivemuloj, ĉefe anoj de Ludwig-Zamenhof-Gesellschaft, por priparoli novajn agadojn.
- Nur 15 libroj estis prunteprenitaj dum 1979 el nia biblioteko!
- La 8-an de aprilo komenciĝos nova kurso por komencantoj! Instruisto estos Robert Haddon el Anglio, kiu ĝis julio 1980 restos en Hamburgo por lerni instrui. Sendu interesitojn pri nova kurso la 8-an de aprilo je la 19-a horo al nia klubejo.

---

## JUNULARA INFORMILO

Baldaŭ okazos la refondo de junulara sekcio de HES. Eble la 25-an de marto la ĉeestantaj junuloj povos fini tiun laboron. Celo estas ankaŭ fariĝi landa ligo de Germana Esperanto-Junularo por ricevi subvenciojn de la lando Hamburgo.
Junulara programo okazos ĉiun duan mardon je la 20h30:

23.2.: kostumfesto kun la aliaj HES-anoj (sabato, 19h00)
26.2.: Kion loka klubo povas fari por interesigi siajn membrojn. Lisbeth kunportu la materialon.
11.3.: Gerald montros lumbildojn el la kosmo, kiujn oni fotis el Apollo-spacŝipoj.
**25.3.: Ni klopodos fini la fondproceduron de hamburga junulara klubo. Venu ĉiuj.**
8.4.: Ni informos la novajn kursanojn pri niaj aktivecoj.
22.4.: Judi prezentos al ni Reggae-muzikon - historion, rolon, kaj ekzemplojn.
26.4.: Ni komune biciklos tra norda Hamburgo kaj faros kelkajn fotojn. (sabato, 10h00)
6.5.: Thomas montros lumbildojn el Moskvo kaj la Krimduoninsulo, kiujn oni ne fotis el Apollo-spacŝipoj.



# NE FORGESU!!!

# JARĈEFKUNVENO 28.2. 19⁰⁰

Kvankam ne estas novelektoj, okazos ŝanĝo en la estraro dum la venonta jarĉefkunveno. Pro la multega kaj ege necesa laboro en la klubejo kaj kuirejo Elsbeth Wielgus transdonos sian postenon. Kandidato por nova prezidanto estas Luisa Hoffmann, kiu ekde marto gvidos niajn klubkunvenojn, se vi donos vian voĉon.

Jen la tuta tagordo:

1: laŭtlego de la protokolo de la pasinta jaro
2: jarraporto de la estraro
3: kasraporto kaj raporto de la revizoroj
4: senŝarĝigo de la estraro
5: elekto de nova prezidanto
6: diskuto kaj decido pri skribaj proponoj
7: diversaĵoj

## HES KAJ LA 70-AJ JAROJ

La 4-an de februaro 1971 la jarĉefkunveno elektis s-inon Elsbeth Wielgus kiel novan prezidanton. Ŝi gvidis nian societon tra eventoplenaj 70-aj jaroj. Komence de la 70-aj jaroj, kiam ni ankoraŭ kunvenis en "TUS-Heim", jam okazis multaj kursoj kaj varbado en ekspozicioj kiel "Du und Deine Welt". Plej elstaras la preparado de la 59-a Universala Kongreso, kiu okazis en 1974 en la nova kongrescentro. La 1650 partoprenantoj estis tre kontentaj pri la laboro de la hamburgaj esperantistoj. En 1975 ni havis malfacilaĵojn pri kunvenejo. Du monatojn ni kunvenis merkrede en "Zum Hamburger", kaj poste ĝis septembro 1976 en "Meteora". En novembro 1976 realiĝis revo - HES ricevis sian klubejon en Vehrenkampstr. Tie okazis ne nur la NOGELO-konferenco 1977, sed ankaŭ gravaj decidoj kiel la transformo de HES al registrita asocio (e.V.). La 70-aj jaroj finas per translokiĝo al nia propra klubejo en Klaus-Groth-Str. - aĉetita en 1978. Ekde marto 1979 tie funkcias la multaj aktivecoj de HES.

# HAMBURGO EN RETROSPEKTIVO – 1979

Regulaj kunvenoj okazis ĉiu-semajne marde kaj ĵaŭde:
Marde: kurso, konversacia rondo, junulara vespero;
Ĵaŭde: regula klubkunveno - jen detala statistiko pri la 53 kunvenoj de HES en 1979:

16-foje Esperanto-kulturaĵo (en 1978: 16)
GEA-laboroj (4.1.); Esperanto-gazetaro (11.1.); Semajno de internacia amikeco (22.2.); ludoj (26.4. & 25.10.); kiel 60-jarulo en Esperantujo (17.5.); kvizo (5.7.); statuto de UEA (12.7.); radio-elsendoj (16.8.); varbologia vespero (6.9.); preparo por GEA-jarĉefkunveno (27.9.); sonbendletero de Esperanto-klubo Lucca/Italio (4.10.); paŝoj al plena lingvo-posedo (15.10.); interna organizado de HES (1.11.); biblioteko (29.11.); enigmaj bildoj (6.12.).

9-foje diskutoj pri ĝeneralaj temoj (en 1978:12)
nedormeco (18.1.); aktualaj gravaĵoj (8.2.); teo (15.3. & 19.7.); energio (26.7.); interna horloĝo (30.8.); nutradscienco (20.9.); Andersen-fabeloj (22.11.); sufero de Kamboĝo (20.12.).

7-foje raportoj pri vojaĝoj (en 1978: 8)
Svedio (1.3.); geologia esplorvojaĝo tra Hawaii (8.3.); saniga feriado en Bad Meinberg (5.4.); Weserbergland (26.4.); Italio (7.6.); Aŭstralio (14.6.); Israelo (28.6.).

7-foje festoj kaj specialaj aranĝaĵoj (en 1978: 5)
1-a kunveno en nova klubejo (22.3.); kafoklaĉo de junuloj (28.4.); 75-a jubileo kaj malfermo de nova klubejo (10.5.); promenado (24.5.); aŭtuna festo (27.10.); Zamenhof-festo (15.12.); balo (31.12.).

6-foje raportoj pri Esperanto-aranĝaĵoj (en 1978:5)
22-a Internacia Seminario (24.3.); 3-a Junulara Festivalo (3.5.); 64-a UK (9.8. & 13.9.); germana kongreso (11.10.); 35-a Int. Junulara Kong. (8.11.).

1-foje jarĉefkunveno (en 1978:4): HES (1.2.).

7-foje senspeciala programo (en 1978:3): 25.1.; 12.4.; 31.5.; 2.8.; 23.8.; 13.12.; 27.12.; la kunveno de 15.2. ne okazis pro neĝokatastrofo.

KULMINO estis la translokiĝo al nia propra klubejo.

# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 3.80

**HES-klubejo:** Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
**Informilo-redaktado:** Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
**HES-sekretario:** Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
**Konto de HES:** 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

---

N I A   P R O G R A M O

majo 1980:

1-a: sen kunveno pro festotago

8-a: Luisa Hoffmann prezentos al ni jogon.

15-a: ĉe-Ellen-ir-tago: Ni renkontiĝos je la 14h30 ĉe la S1-stacio "Wellingsbüttel". Tiam ni promenos unu horon tra Poppenbüttelaj parkoj al la loĝejo de Ellen Eggers, kie ni trinkos kafon kaj manĝos kukon - cetere bonvolu kunporti tiom da kuko, kiom vi mem volas manĝi. Ĉe Ellen ni faros grandan kuko-interŝanĝon.

20-a: (mardo): Ni havos la ĝojon denove povi saluti en nia klubo la Polan Esperanto-Teatron, kiu prezentos al ni ekde la 20-a horo en la subetaĝo la teatraĵon "Malfermu la pordon".

22-a: Unue Hella Lanka informos nin pri kelkaj detaloj rilate la NOGELO-kunvenon, kiu okazos ĉi-jare en Soltau en junio. Poste (eble) Peter Weide lingve progresigos nin per tria paŝo al plena posedo.

29-a: Ges-roj Sudec montros al ni la duan parton de la lumbildserio pri ilia vojaĝo al Italio.

junio 1980:

5-a: Thomas Bormann montros al ni lumbildojn kaj donos informojn pri lia aprila studvojaĝo tra Soveta Unio, dum kiu li vizitis la urbojn Moskva kaj Kiev kaj la duoninsulon Krimeo.

12-a: Ni aŭdos raportojn pri la pentekosta germana kongreso en Berlin.

NIA PROGRAMO (daŭrigo)

junio 1980:
19-a: Anneliese Bepperling informos nin pri la fama pentristo Max Liebermann.
26-a: "Ludwig-Zamenhof-Gesellschaft" sin prezentas kaj petas subtenon.

julio 1980:
3-a: Hella Lanka kaj aliaj partoprenintoj informos nin, kio okazis dum la NOGEIO-kunveno en Soltau.

---

Berlino invitas

Al la 58-a germana Esperanto-kongreso jam aliĝis pli ol 170 esperantistoj! Kiel kongresejo servos la "kongreshalo" en trankvila parto de la urbo. De la 24-a ĝis 26-a de majo (pentekosto) okazos tie fakkunsidoj, publikaj aranĝaĵoj kaj amuzaj programeroj. Dum la publika diskuto Harald Schicke parolos pri hodiaŭaj problemoj en la medio kaj interkompreniĝo.
Inter la 170 aliĝintoj troviĝas ege multaj junuloj, nome 65 ĝis nun. Ili aliĝis tiom amase, ĉar por junuloj estas farita speciala oferto: Ili povas senkoste loĝi en "duobla gimnastikejo" en Knesebeckstrato, tuj apud la ĉefstrato Kurfürstendamm. La junulara renkontiĝo komenciĝos jam unu tagon pli frue.
La listo de la aliĝintoj ankoraŭ ne estas fermita. Aliĝu ankoraŭ! - adreso: Schärstr. 26, 2050 Hamburg 80.

---

Denove logas ...

Pluan fojon mi volas rekomendi al vi vojaĝi al la "kursoj" en As Vig ĉe la Balta Maro meze en borda Jutlando. De la 9-a ĝis 11-a de majo eblas ripozi tie, promeni, partopreni en kursoj, aŭskulti poezi-prelegojn.
Aliĝu ĉe Lizzie Egholm, Vindingsvej 5, DK-8700 Horsens.
P.S. Mi rimarkis ke fariĝis jam tro malfrue por aliĝi. Simple veturu tien. Post Horsens vi devas veturi al Juelsminde - tiam 6 km maldekstren - tiam dekstren al Horsnæsbo.

## Esperanto-Laborrondo por Homaj Rajtoj

Fondiĝis en Hamburgo grupo, kiu intencas kunlabore kun amnestio internacia kaj aliaj Homaj-Rajtaj-asocio agadi por la ĉiea observo de la Homaj Rajtoj. Laŭ la modelo de amnestio internacia aperos en la "GEJ-gazeto" prezento de "malliberulo de la monato", kiu estis arestita nur pro sia politika opinio.
Celo de la nova laborrondo estas, trovi inter ĉefe junaj esperantistoj el multaj landoj agadgrupon kaj fortigilon por la Homaj Rajtoj.

## Nova "TEST 5000" lanĉita

Hermann Behrmann, la ne-lacigebla/-iĝanta/-igenda estro de la Esperanto-Centro Paderborn estas komencanta novan agadon por kreskigi rimarkeble la nombron de Esperanto-parolantoj. La testo konsistos el tio, ke multaj personoj ricevos la programitan lernomaterialon de Hermann Behrmann, nun prilaborita de Karl Trimborn, por testi ĝin. "Multaj" homoj - tio estas ĉirkaŭ 5000 - "povus esti ankaŭ 50000", informas la "Speciala Cirkulero".
Ankaŭ vi povas subteni tiun agadon: Kontaktu la Esperanto-Centron (Postfach 1450,4790 Paderborn) por ricevi materialon, kiun publikigos via loka gazeto!

## NOGELO

La 28-an kaj 29-an de junio enkadre de la NOGELO-kunveno estos celebrita la 25-jara jubileo de la Soltaŭa Esperanto-grupo. Anoncu vin ĉe Werner Heimlich, Fröbelstr. 4, 3040 Soltau.

## Keglado

okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Lübscher Baum" en Lübecker Str. 133, HH 76, je la 20-a horo. La venontaj keglo-vendredoj estas: 23.5., 20.6., 18.7. (ĉi-lasta eble kun internacia publiko - vidu dorsflanke). Esperanto-Lb




La datoj estas fiksitaj: De la 17-a ĝis 20-a de julio 1980 en Hamburgo okazos internacia junulara renkontiĝo de biciklantoj.

Certe venos multaj eksterlandanoj al tiu aranĝo, ĉar estante survoje al la Internacia Junulara Kongreso en Rauma/Finnlando ili ĉiu-okaze traveturas Hamburgon.

Kompreneble vi ne devos bicikli de Ateno aŭ Gibraltaro al Hamburgo. Estas malmultekoste kunporti biciklon en trajno. En FR Germanio kostas nur 2,50 markojn, sendepende de la longeco de la vojaĝo.

## PROGRAMO:

La 17-an de julio la partoprenantoj alvenos en la klubejo de Hamburga Esperanto-Societo, kie ni ankaŭ loĝos. La 18-an kaj 19-an de julio ni iom biciklos tra la du-milion-urbo kaj eventuale ankaŭ okazigos publikan aranĝon.

Kiu intencas viziti la IJK-n, tiu povas la 20-an de julio veturi kun ni tra biciklaj vojoj al Travemunde (75 km), kie vespere je la 19-a horo ekveturos ŝipo „Finnjet" al Helsinki. Por la pli ol 1000 kilometroj la ŝipo nur bezonas 22 horojn. Poste ni do havos kvar tagojn da tempo por trankvile bicikli tra Finna lagopejzaĝo de Helsinki al Rauma. Kunportu tendojn kaj dormsakojn por tio!

Por la reveturo ĉiu zorgas mem. Eblas en grupeto rebicikli tra Svedio aŭ kunporti la biciklon en trajno.

## KOSTOJ:

La renkontiĝo en Hamburgo kostas 24 DM, inkluzive loĝado sur kunportendaj aermatracoj kaj dormsakoj, kaj nutraĵscience ellaborita manĝoplano. La ŝipveturo al Finnlando kostas por homoj sub 18 jarojn aĝaj 110 DM, por studentoj kaj lernantoj pli aĝaj ĉ. 160 DM, por aliaj 220 DM – sed GEJ membroj bonvolu konsideri ke riceveblas vojaĝsubvencioj.

Bonvolu ĝiri 10 DM da antaŭpago al la poŝtĉekkonto 3865 48-207 ĉe la poŝtĉekoficejo Hamburg je la nomo de Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 Hamburg 80. Al li bonvolu ankaŭ sendi la ĉi-suban aliĝilon.

...............................................................................................................................

**ALIĜILO** Bonvolu sendi al: Thomas Bormann, Schärstr. 26, D-2050 Hamburg 80

Mi partoprenos la biciklan renkontiĝon en Hamburg de la 17-a ĝis 20-a de julio 1980.

Nomo ............................................................ Naskiĝdato ............................

Adreso ............................................................ Telefono ............................

Mi kunveturos al Finnlando ☐ Jes ☐ Ne Mi alvenos je ............................

Dato ............................

Subskribo ............................



# HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
# ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

## INFORMILO 4.80

**HES-klubejo:** Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
**Informilo-redaktado:** Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
**HES-sekretario:** Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
**Konto de HES:** 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".


---

Jugendliche! GLEICH Seite 3 aufschlagen! ←

## N I A   P R O G R A M O

julio 1980:

- 3-a: Hella Lanka kaj aliaj partoprenintoj informos nin, kio okazis dum la NOGELO-tagoj en Soltau.
- 10-a: Peter Weide lingve progresigos nin per tria paŝo al "plena posedo".
- 17-a: Venos la biciklistoj, kiuj partoprenos la renkontiĝon en Hamburgo kaj la karavanon al Finnlando. Estos interkonatiĝa vespero.
- 24-a: Se la vetero permesos, ni karbrostos kolbasojn en la ĝardeno.
- 31-a: Luisa, kiu naskiĝis la 1-an de aŭgusto 19.., amuzigos nin per ludoj.

aŭgusto:

- 7-a: Ni aŭdos raporton pri la "internaciaj semajnoj" en Grésillon, kiun ĉeestos aŭtopleno el HH.
- 14-a: Unuajn raportojn pri la Stokholma kongreso donos al ni partoprenintoj.
- 21-a: Vesna Weide referos pri ŝia profesio: helpi al kaj subteni eksterlandajn laboristojn.
- 28-a: Gerald Roemer donos informojn pri la temo "Tria Mondo" kaj tiam diskutos kun ni pri tio.

septembro:

- 4-a: La junuloj raportos pri la bicikla karavano al Finnlando kaj la tiea Internacia Junulara Kongreso.
- 11-a: Ni pritraktos la temon "tradukarto en Esperanto-kanzonoj". Bonvolu kunporti specimenojn!
- 18-a: Elsbeth kaj Werner Bormann montros lumbildojn pri Basel, Augsburg kaj Coburg.
- 25-a: Lu diskutos kun ni pri mediprotektado.

# nova prezidanto - tel 68 44 35

Mi forgesis raporti en informilo 3.80 pri la plej grava kunveno - la jarĉefkunveno, kiu okazis la 28-an de februaro. Tie Elsbeth Wielgus transdonis la prezidantecon al Vesna Weide.
Elsbeth Wielgus gvidis la Hamburgan Esperanto-Societon tra sukcesplenaj 70-aj jaroj kun multaj kursoj, Universala Kongreso, kaj fine aĉeto de propra klubejo. Tiun propran klubejon Elsbeth Wielgus nun ĉefe prizorgos, sen devi okupiĝi ankaŭ pri administraj klubaj aferoj. Tiun taskon nun transprenis Vesna Weide. Ŝin helpos kiel nova vicprezidanto Luisa Hoffmann. Harald Schicke forlasis la estraron, la cetero ne ŝanĝiĝis.

> Jen la adreso de nia nova prezidanto:
> Vesna Weide, Kattunbleiche 6, 2000 Hamburg 70
> telefono: 68 44 35

Alelektiĝis kiel ano de la konsilantaro s-ino Hella Lanka, ĉar s-ino Vesna Weide devis forlasi ĝin.
Cetere, la jarĉefkunveno estis bonege vizitita: 39 personoj partoprenis ĝin. Sed bedaŭrinde ĝi okazis en germana lingvo, kio igis multajn homojn tre longe rakonti. Sekve la kunveno finiĝis nur post la 23-a horo.

---

Libroservo daŭros

Lu von Wunsch-Rolshoven daŭre vendos librojn en nia klubejo eldonitajn grandparte de Sarlanda Esperanto-Ligo. Lia telefonnumero estas 38 45 01.

Post Berlino ... al Soltau!

La germana kongreso en la moderna Internacia Kongres-Centro okazis senpanee kun 250 partoprenantoj. Nordaj germanoj kunvenu en Soltau de la 28-a ĝis 29-a de junio por NOGELO-kunveno.

"Bist Du auch von den Esperanto-Radlern?"

La aktivaj biciklo-organizaĵoj en Hamburg (ekz. "Grüne Radler") jam tre bone konas la Esperanto-biciklistojn, ĉar en Hamburgo ili tre aktivas. Ekzemple ili kunokazigis ekspozicion en "Audimax", kunorganizis la manifestacion la 7-an de junio, kaj unu kunbiciklis en la veturado Berlin-Hamburg.

JUNULARA INFORMILO

# FONDO!

Kommt alle zu unserer Gründungsversammlung!!!
Am Dienstag, den 24. Juni nach den Kursen (20.30 Uhr). Das ist t i e r i s c h w i c h t i g ! ! !

Gründungsbegründung:
Die Hamburger Esperanto-Jugend muß jetzt unbedingt einen "Landesverband der Deutschen Esperanto-Jugend" gründen. Dann müssen wir ein Jahr Aktivitäten zeigen (Radtour, Kurse usw.), um anerkannt zu werden. Das Gleiche soll in Hessen, Niedersachsen und Nordrhein-Westfalen passieren. Nur wenn das alles klappt, erhält die Deutsche Esperanto-Jugend auch weiterhin Subventionen, ohne die wir alle nicht das Geld hätten, die ganzen Treffen zu besuchen!
Also kommt möglichst alle am 24.6.80 zur GRÜNDUNG!

---

Nia programo:

24.6.: fondo! fondo! fondo! fondo! fondo! fondo!
5./6.7.: bicikla vojaĝo al Travemünde por trovi taŭgan vojon.
8.7.: lumbildoj el Apollo-spacŝipo
17-20.7.: internacia renkontiĝo en la klubejo, poste biciklado al Travemünde kaj Finnl.
19.8.: raportoj pri la vojaĝo al Finnlando
2.9.: Nova kurso! Neuer Kursus!

---

## NOVA KURSO

La 2-an de septembro 1980 komenciĝos nova kurso por komencantoj! Antaŭe ni multe varbos en amasmedioj, per deĵoro kaj informado ĉe stando(j) ktp. Sendu interesitojn je la 19-a horo tiun tagon klubejen!
N E U E R K U R S U S A B 2.9.80, 19 U H R

---

## KEGLADO

Keglado okazas ĉiun kvaran vendredon en la gastejo "Lübscher Baum", Lübecker Str. 133, HH 76; ekde la 20-a horo. La venontaj datoj estas:
18.7. 15.8. 12.9. 10.10. 7.11. 5.12. 2.1.

## Recenzoj

La Aŭstria Esperanto-Instituto sendis al ni du el siaj plej novaj eldonaĵoj:

- Peter Altenberg: "Skizoj". 32 paĝoj, 36 aŭstr. ŝil.

**VIENECE TRANKVILA** Grete Breunlich el Vieno tradukis tiujn 33 tipe vienecajn rakontojn de la poeto Peter Altenberg, kiu vivis inter 1859 kaj 1919. Foje oni rimarkas, ke temas pri traduko - tamen ne perdiĝis la tipa viena spriteco kaj kvieteco. Taŭga verko ankaŭ por komencantoj!

- D-ro Karl Beckmann: "Historio de Esperanto". 16 paĝoj, 9 aŭstraj ŝilingoj.

**NEglekTEMA**

En facile legebla Esperanto Beckmann prezentas la evoluon de Esperanto. Li komencas ĉe la pratempo montrante la bazojn de la lingva problemo. La leganto rimarkas, ke post atingo de bonaj sukcesoj dufoje mondmilitoj kaj tiranismaj registaroj preskaŭ tute ekstermis la movadon. Ankaŭ li raportas pri la "Ido-krizo" kaj la laborista "SAT-movado". Sed en la ĉapitro "post la dua mondmilito" la aŭtoro komencas per neadekvataj neglektoj kaj akuzoj: Rimarkante la malkreskantan aŭ stagnantan intereson pri Esperanto Beckmann specife akuzas la junularon, "kiu postulas ĉe ĉiu ekpeno tujan monan gajnon - kian Esperanto (...) ne povas alporti".
Ĉu li ne rimarkis, ke estas precipe la junularo, kiu pli kaj pli kritikas tiun materialismon kaj televidismon, kaj sekve ankaŭ multe pli aktiviĝas en la Esperanto-movado?
En la tuta ĉapitro Beckmann ne mencias la junularon, sed elstarigas du ĉefpunktojn: La Universalajn Kongresojn, kiuj regule okazis; kaj la "fendiĝon"de la movado, kiun li rimarkis en Hamburgo, kiam kelkaj izoluloj, kiuj vidas en ĉiu ruĝa naztuko komunisman subfosadon, fondis la"Neŭtralan Esperanto-Movadon".
Evidente Beckmann ĉe la fino ne plu tiom observis la movadon, eĉ li misinformas, ke Islando estas ne-eŭropa lando.

Mendadreso:AEI,Fünfhausgasse 16, A-1150Wien aŭ vizitu nian klubejan bibliotekon!

HAMBURGA ESPERANTO-SOCIETO R.A.
ESPERANTO-VEREIN HAMBURG E.V.

INFORMILO 5/6.80

HES-klubejo: Klaus-Groth-Str. 95, 2000 Hamburg 26, apud U 3-stacio „Burgstr.".
Informilo-redaktado: Thomas Bormann, Schärstr. 26, 2050 HH 80, Tel. 738 45 08
HES-sekretario: Peter Weide, Nordalbingerweg 65, 2000 Hamburg 61, Tel. 551 04 40
Konto de HES: 173 22-207 (Postscheckamt Hamburg) „Esperanto-Verein Hamburg".

---

## NIA PROGRAMO

oktobro/novembro/decembro '80

septembro:

25-a: !PROGRAMŜANĜO! D-ro Rüdiger Sachs raportos pri travivaĵoj , kiujn li spertis dum medicina projekto en Liberio.

oktobro:

2-a: "Kiel gasto ĉe Werner Höfer": Elsbeth Bormann parolos pri la intervjuo, kiun ŝi havis kun Werner Höfer.

9-a: Peter Weide plualtigos nian lingvan nivelon per plua paŝo al plena posedo.

16-a: Elsbeth Wielgus gvidos vesperon sub la temo "Kio grava okazis en la pasinta monato?". Ni parolos inter alie pri la ĵusaj balotoj.

23-a: La partoprenantoj informos kun lumbildoj pri la 65-a Universala Kongreso de Esperanto en Stockholm.

30-a: "Ni ludu" sub sperta gvido de Luisa Hoffmann.

novembro:

6-a: Ĉi-somere Hannelore Meinssen vojaĝis laŭlonge de la Danubo de Germanio tra Aŭstrio, Ĉeĥio, Hungario, Jugoslavio, Rumanio kaj Bulgario ĝis la Nigra Maro kaj Soveta Unio. Ŝi rakontos pri tiu bela vojaĝo.

13-a: Ni diskutos pri mediprotektado kun Lu.

20-a: Vesna Weide informos nin pri sia profesio: kielmaniere eduki eksterlandajn enloĝantojn.

27-a: "Vagabonda muziko" estas la temo - gvidos Luisa Hoffmann.

decembro:

4-a: Edgar Müller-Wend klarigos al ni, kio estas "scientologio". Sciu, ke ĝi havas rilaton al filozofio.
11-a: sen kunveno pro Zamenhof-festo venontan sabaton.

**13-a: Zamenhof-festo - vidu specialan artikoleton**

18-a: Antaŭkristnaska gemuta kunestado.
25-a: sen kunveno pro evidentaj kaŭzoj

*) januaro 1981:

1-a: sen kunveno pro evidentaj kaŭzoj
8-a: Junuloj kaj mezaĝuloj raportos pri la 24-a Internacia Seminario lige kun la 2-a Internacia Festivalo por mezaĝuloj (26-50-jaraj), kiu okazis inter la 27-a de decembro 1980 kaj la 3-a de januaro 1981 en Sensenstein apud Kassel.
13-a: Nia aŭdos prelegon de d-ro Werner Bormann pri ekonomiaj problemoj en la mondo, speciale en la Tria Mondo.

---

Decembraj eblecoj:

La ZAMENHOF-FESTO okazos sabaton, la 13-an de decembro 1980 ekde la 19-a horo en nia klubejo. Ni havos belan festmanĝon kaj grandan tombolon. Bonvolu porti ankoraŭ taŭgajn objektojn al nia informilo-sendanto Susanne Müller.
Ankaŭ estas bezonata litotukoj por gastoj, kiuj eventuale tranoktos poste en la klubejo.

*) La SILVESTRA BALO celas agrabligi tiun tagon kaj nokton por tiuj klubmembroj, kiuj nek estas ĉe la IS/IF nek festas familie. Ili anonciĝu ĝis la 22-a de decembro 1980 telefone ĉe Elsbeth Wielgus (numero 25 29 36).
Atentu, ke nur 20 personoj povos partopreni en tiu festo.

---

Schalt dein Radio ein!
Täglich Esperanto Sendungen!:

(Die angegebenen Zeiten sind Greenwich Zeit = Sommerzeit +2 oder HEZ +1 Stunde)

| | | |
|---|---|---|
| 5.00 - 5.30 | Warschau | 1503 kHz (200m) |
| 11.00 - 11.30 | Peijing | 41m (7315 kHz), |
| 13.00 - 13.30 | Peijing | 25,67m (11685 kHz) |
| 15.30 - 16.00 | Warschau | 48,90m (6135 kHz) oder 31,45m (9540 kHz) |
| 20.00 - 20.30 | Peijing | 48,73m (6860 kHz) oder 31,98m (9380 kHz) |

21.30 - 22.00 Warschau 200m (1503 kHz)

PAĜO

Ĉiun 1-ankaj 3-an mardon en la monato post la kurso okazas iu programo, kiun ni ankoraŭ devas priparoli.

Ĉiun 2-an kaj 4-an mardon en la monato la kurson sekvos teatra grupo.

JUNULARA

La du kursoj okazas de la 19-a ĝis la 20h30.
Nova kurso komenciĝis la 2-an de septembro, post kiam kelkaj junuloj aranĝis informstandon en Eimsbüttel. Partoprenas la kurson ĉirkaŭ 10 personoj, preskaŭ nur juloj.xx Gvidas ĝin Thomas Bormann.
Kurson por progresintaj lernantoj daŭre gvidas Frank Lilleike.

## La Landa Ligo informas

Certe vi jam scias, ke fondiĝis landa ligo de Germana Esperanto-Junularo en Hamburgo.
Ĝi jam estis konsiderinde aktiva:

- ★ Komence de julio okazis bicikla ekskurso al Travemünde. Iom pluvis la unuan tagon, sed la duan tagon la suno des pli brilis.
- ★ 11 junuloj el Francio kaj Germanio ĉeestis la "antaŭkongreson" en Hamburgo en la klubejo de la 17-a ĝis 20.a de julio. Daŭra pluvado malebligis biciklajn ekskursojn tra Hamburgo.
Feliĉe la 20-an de julio reekbrilis la suno, kiam la karavano ekbiciklis al Finnlando.

## Biciklu al Harburg!



Venontan semajnfinon okazos bicikla aranĝaĵo, en kiu denove ankaŭ partoprenas la Esperanto-biciklistoj el Hamburgo.
Sabaton, la 27-an de septembro, okazos "granda biciklofesto" ekde la 18h30 en "Freizeitzentrum", Nöldekestr. 19, en kiu ni ekspozicios eblecojn ferii per biciklo en eksterlando. Ni ja spertiĝis dum la somero!
Krom ni estas multaj aliaj aktivecoj tie.
Dimanĉon oni okazigos biciklan ekskurson ien. Renkontiĝejo estas la urbodoma placo, tempo: 10-a horo matene.
Kunportu kolbasojn por karbrostado!

## Ek al Belgio

De la 31-a de oktobro ĝis la 1-a de novembro 1980 okazos semajnfino en Geel, Belgio. Oni parolos i.a. pri psikologio.
GEJ-membroj ricevas vojaĝsubvenciojn! - Karavano de HH!

## As Vig

Kelkaj hamburganoj jam anonciĝis al la vojaĝo al la kursa semajnfino en As Vig apud la Balta Maro en meza Jutlando.
De la 10-a ĝis 12-a de oktobro 1980 okazos la venonta renkontiĝo tie. La partoprenantoj grupiĝas en kursojn kaj aŭ lernas la lingvon, aŭ ili - se ili estas jam fluparolantoj - diskutos kun la skota Esperanto-literaturisto Albert Goodheir pri literaturo.
Krome eblas tie naĝi en la Balta Maro kaj lerni popoldancojn ktp ktp.
Tio kostas 150 danajn kronojn (50 DM) inkluzive de nutrado kaj lito en plurlita ĉambro, infanoj pagas malpli.
Aliĝu ĉe Lizzie Egholm, Vindingsvej 5, DK-8700 Horsens.

## Ĉu vi estas mezaĝulo?

IS/IF

Absolute paralele al la IS okazos la "dua Internacia Festivalo por Mezaĝuloj kaj junaj familioj".
En la pasinta jaro tio estis ege sukcesa.
Entute kunvenis pli ol 150 homoj el dekoj da landoj kaj diskutis pri la temo "Tria Mondo".
La temo de la ĉi-jara IS/IF estas aktuala kaj ĉefe okupas junulojn, sed ankaŭ mezaĝuloj kaj pli aĝaj personoj scias pri tiu problemo: Oni parolos pri "alternativaj vivstiloj". Jen vi povos informiĝi pri tiaj movadoj en diversaj landoj.
Por garantii sciencan pritrakton de la temo, la redakcio de la TEJO-revuo "Kontakto" kunlabore kun Germana Esperanto-Junularo verkas la numeron 4.80 pri tiu temo.
Sed kompreneble ankaŭ estos multe da plezuro: Saŭno daŭre estas je via dispono, vinon vi povos ekzameni dum "vin-seminario", amuziĝi vi povos ĉiu-nokte en la gastejo kaj speciale dum la silvestra balo.
La daton vi eble jam scias pro la tradicio? Se ne, jen ĝi denove: 27-a de decembro 1980 ĝis 3-a de januaro 1981. Loko estas Sensenstein apud Kassel.
La prezoj estas tre moderaj kaj ekzistas rabatoj por junaj familioj (malgrandaj infanoj estas prizorgataj).
Informiĝu ĉe: Hans-Dieter Platz, Maikammerer Str. 21, 6731 St Martin.